# ATEISMO

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo



Foregaj galaksioj fotitaj de la Kosmoteleskopo Hubble
(Fonto: ESA NASA)

N-ro 25 http://ateisto.org Novembro 2017

En nia epoko, kiam scienco faras grandajn progresojn, necesas tamen marŝi sur la stratoj por defendi ĝin. Ĉi-jare en aprilo okazis Marŝo por Scienco en usonaj urboj kaj ankaŭ alilande. Scienculoj en Hindio/Barato aliĝis al tiu movado en aŭgusto, marŝante kontraŭ la trudado de religie bazitaj superstiĉoj kaj mitoj, kiel ni legas en tiu ĉi numero. Sed, pli pozitive, la nuna numero ankaŭ informas, ke la procento da usonanoj kiuj akceptas evoluadon kreskas, kvankam granda plimulto de ili kredas, ke Dio gvidas tiun procezon. Nu, multaj di-kredantoj tutmonde pensas, ke eblas akordigi la ekziston de Dio kun scienco. Unuflanke, tio estas bona, ĉar pro tia sinteno, la Vatikano kaj iuj aliaj religiaj aŭtoritatoj nun akceptas la teoriojn de evoluado kaj la pra-eksplodo. Aliflanke, restas la demando, ĉu tia akordigo vere eblas?

*Tamen, historie, almenaŭ unu di-kredanta grupo, kiu estimis sciencon, la Diistoj, kritikis kaj malakceptis religiojn.*

Fakte, scienca aliro al la universo, komprenado de ĝia neimagebla vasteco, donas fortan indikon pri la neekzisto de Dio, laŭ alia artikolo ĉinumera. En tiu teksto, ni renkontas grandegajn ciferojn rilate al la kvantoj da steloj kaj galaksioj, kaj la demandon ĉu tio akordiĝas kun hom-orientita Dio. La artikolo ne menciias, ke nuntempe troviĝas intelektulaj di-kredantoj (ofte kristanoj), inkluzive scientistojn, kiuj argumentas favore al la “preciza agordado” de la universo. Grava rezulto de la pra-eksplodo estis fiksiĝo de fundamentaj konstantoj – kaj eĉ eta ŝanĝo de la valoro de iu ajn konstanto malebligus la ekziston de nia universo. Laŭ la “agordistoj”, tiu fiksado de konstantoj estis farita de Dio por ebligi vivon, kaj specife homan vivon.

Sed kial Dio kreus vastegan, plejparte senvivan, nevivebligan universon por ke inteligenta vivo ekestu nur sur unu eta planedo? Kial li plenigis la universon per tiom da materia balasto? Bone, eble troviĝas multaj aliaj planedoj kun inteligenta vivo, tamen astrofizikaj esploroj indikas universon plenan je senviva materio. Estas grandega balasto ankaŭ se temas pri tempo – miliardoj da jaroj devis pasi antaŭ la ekesto de homoj. Jes, multaj steleksplodoj estis bezonataj por ke la elementoj gravaj por la vivo kuniĝu, tamen certe Dio povintus pli efike krei homaron! Tial ŝajnas, ke la universo ne estis projektita por ebligi vivon; male, vivo ekestis ege malrapide en ege malfavoraj kondiĉoj per evolua adaptiĝo.

Kiel mi diris, la estraroj de diversaj religioj formale akceptas sciencajn malkovrojn kaj teoriojn pri la universo kaj la vivo. Kaj tamen, ili daŭrigas kredarojn, mitarojn, kutimarojn, vivregularojn kaj strukturojn, kiuj estas malmodernaj, ofte neraciaj, malakordaj kun homaj rajtoj kaj la homa naturo, kaj kiuj kontraŭas liberan pensadon. Tamen, historie, almenaŭ unu di-kredanta grupo, kiu estimis sciencon, la Diistoj, kritikis kaj malakceptis religiojn. Laŭ ili, Dio kreis universon, homar-ebligantan, sed ne intervenas, ne sendas aŭ kreas profetojn, ne respondecas pri “sanktaj libroj”, ne diskonigas per revelacio, ne respondas al preĝoj.

Diismo estis aparte influa dum la epoko de la Klerismo. Inter la tiutempaj diistoj estis Tadeusz Kościuszko (prononcata “Tadeuŝ Koŝĉuŝko”): li estas verŝajne la plej granda nacia heroo de Pollando, lando forte katolika, sed malmultaj homoj tie scias, ke li estis kritikema kontraŭ la katolika eklezio kaj religioj ĝenerale. Ĉi-jare oni solenas la ducentan datrevenon de lia morto. Tial ni aperigas du citaĵojn de li pri religio en tiu ĉi numero. Fakte, povas esti, almenaŭ en iuj kazoj, ke diismo vere estis kaŝita ateismo – homoj, kiuj timis pro kontraŭblasfemaj leĝoj, aŭ simple pro socia malaprobo, publikigi sian ateismon, nomis sin diistoj. Verdire, fine, la problemo ne estas kredo je Dio kiel univers-kreinto, sed la kredo, ke Dio postulas aliĝon kaj obeadon al unu specifa religio kaj al ties reguloj, kaj subpremadon kaj mortigadon je lia nomo kadre de religio.

**Nyegosh Dube (Pollando)**

# Ĉu la vastegeco de la universo pruvas la neekziston de Dio?

Sciencistoj nun scias, ke la universo entenas almenaŭ du duilionojn[1] da galaksioj. Ĝi estas neimageble granda, tute kontraŭe al la koncepto de la universo, kiu ekzistis kiam fondiĝis la ĉefaj religioj de la mondo. Do, ĉu la astronomiaj malkovroj de la lastaj jarcentoj havas sekvojn por religio?

Dum la lastaj jardekoj, nova maniero argumenti por ateismo estas aperinta. Filozofoj de religio kiel Michael Martin kaj Nicholas Everitt invitas nin konsideri, kian universon ni atendus, se la kristana Dio estus kreinta ĝin, kaj kompari tion kun la universo, en kiu ni fakte vivas. Ili argumentas, ke estas malakordo. Everitt koncentriĝas je la grandeco de la universo, kaj argumentas, ke tio donas al ni kialon ne kredi je la ekzisto de la Dio de la klasika kristanismo.

Laŭ diversaj bibliaj tekstoj, la kristanisma Dio profunde okupiĝas kaj zorgas pri la homoj sur nia Tero. Tiuj ĉi tekstoj montras, ke Dio estas hom-orientita: homoj estis kreitaj laŭ lia bildo, kaj li valorigas nin alte. Kvankam ĉi tie ni parolas pri kristanismo, tiaj asertoj troviĝas ankaŭ en aliaj monoteismaj religioj.

## Ne hom-orientita universo

Se Dio estas fakte hom-orientita, ĉu oni ne atendus, ke li estus kreinta universon, en kiu homoj estus grava elemento? Oni atendus, ke homoj okupus grandan parton de la universo kaj ekzistus tra longa tempo. Tamen, en tia universo ni ja ne vivas. Homoj estas tre eta elemento de ĝi, kaj la kosmo estas vere giganta.

Sciencistoj taksas, ke la observebla universo, la parto,kiun ni povas vidi, havas grandecon de ĉirkaŭ 93 miliardoj da lumjaroj. Sed la tuta universo estas almenaŭ 250-oble pli granda. Nia galaksio, la Lakta Vojo, enhavas 100-400 miliardojn da steloj. La observebla universo enhavas ĉirkaŭ 300 x $10^{21}$ (300, 000,000,000,000,000,000,000!) da steloj. Homoj okupas et-etan frakcion de ĝi. Nia planedo estas nur guteto en tiu oceano da spaco.

Ankaŭ se temas pri tempo, la ciferoj estas gigantaj. La universo verŝajne havas aĝon de 13 miliardoj da jaroj. La Tero havas ĉirkaŭ kvar miliardojn da jaroj, kaj homoj en siaj nuna formo aperis antaŭ ĉirkaŭ 200,000 jaroj. Do, laŭ la tempa vidpunkto, homoj ekzistas nur dum palpebrumo.

Klare, estas malakordo inter la speco de universo, kiun ni atendus, se hom-orientita Dio estus kreinta ĝin, kaj la universo en kiu ni vivas. Kiel ni povas klarigi tion? Certe, la plej simpla klarigo estas ke Dio ne ekzistas. La spaca kaj tempa grandeco de la universo donas al ni kialon esti ateistoj.

Kiel diras Everett: "La eltrovoj de la moderna scienco multe malpliigas la probablecon, ke teismo estas vera, ĉar la universo montriĝas tre malsama ol la universo, kiun ni atendus, se teismo estintus vera."

## Ĉu aliaj klarigoj?

La fakto, ke ateismo estas la plej simpla solvo de la malakordo ne signifas, ke aliaj klarigoj ne eblas. Eble Dio ekzistas, sed liaj motivoj por ne krei la homojn pli frue aŭ pli vastskale estas nescieblaj. La dia ja estas mistera.

Eble la silkfadenecaj nebulozoj dismetitaj tra la kosmo servas ian estetikan celon: beleco je nehoma skalo. Aŭ eble Dio ekzistas, sed ne estas tiom hom-orientita kiel ni supozas. Eble Dio taksas rokojn kaj kosman polvon pli alte ol homojn.

La problemo pri tiuj rivalaj klarigoj estas ke ili ne estas kontentigaj. Ili iomete indikas kial Dio estus kreinta etajn homojn en tiom giganta spaco, sed ili estas tre malproksimaj de plena klarigo de la kialoj. La multegeco de la galaksioj kaj de la jarmiloj ŝajne puŝas nin en la direkto de ateismo.

*Artikolo de Emily Thomas, asista profesoro de filozofio ĉe Universitato Durham en Anglio. Tradukita de la redakcio. Ĝi unue aperis ĉe https://theconversation.com/does-the-size-of-the-universe-prove-god-doesnt-exist-86645. Ĝi estis afiŝita ankaŭ ĉe Yahoo News, do sufiĉe vaste publikigita.*

1 Duiliono = $10^{12}$

# Religio estas geografio: potenca pruvo de la malvereco de religioj

Kial homo apartenas al iu religio? Plej ofte simple ĉar ties gepatroj apartenas al ĝi. Sed ankaŭ rimarkeblas, ke en multaj lokoj tutmonde, multaj homoj en tiuj lokoj apartenas al la sama religio. Oni nur devas rigardi mapon de mondaj religioj por rapide konstati, ke plejparte religia apartenado dependas de geografio. Do en iu specifa loko, lando aŭ regiono, generacioj de homoj kaj generacioj de ties samfamilianoj, najbaroj kaj konatoj apartenas al la sama religio.

Tio ne estas surpriza malkovro. Estas ĝenerale sciate, ke religioj troviĝas en grandaj regionaj blokoj. Do, en la okcidenta duonsfero, t.e. Nordameriko kaj Sudameriko, kristanoj estas la plimulto. Same en Eŭropo, kvankam en pluraj landoj, pro la kresko de senreligieco, kristanismo ne plu estas majoritata. Simile, en Nordafriko kaj Okcidenta Azio ("Mezoriento"), krom Israelo, islamanoj formas grandan plimulton. Afriko ĝenerale divideblas en islama nordo kaj kristanaj centro kaj sudo.

Se temas pri la cetero de Azio, ankaŭ tie troviĝas kelkaj blokoj: plejparte hinduismaj Hindio kaj Nepalo, plejparte budhisma regiono sude de Ĉinio (Birmo, Tajlando, Laoso, Kamboĝo), kaj pli sude alia majoritate islama regiono konsistanta el Malajzio, Indonezio kaj Brunejo. Interese, en orienta Azio, Ĉinio, Tajvano, Vjetnamio, Koreio kaj Japanio konsistigas kvazaŭblokon, kie troviĝas grandaj proporcioj da senreligiuloj / nekredantoj kune kun anoj de diversaj orientaziaj religioj / filozioj kiel budhismo, taoismo kaj konfuceismo − kaj ofte estas malfacile klare apartigi aŭ difini la diversajn grupojn.

Krome, ene de iuj blokoj estas subblokoj. Sude de Usono, preskaŭ ĉiuj ne-karibinsulaj landoj estas ĉefe katolikaj, kaj simile norde de Usono, Kebekio en Kanado estas grandparte katolika. En Eŭropo ekzistas katolikaj, protestantaj kaj ortodoksaj regionoj, ankaŭ ene de unuopaj landoj, kiel Germanio. En Okcidenta Azio troviĝas ŝijaisma subbloko (Irano kaj Irako).

Ankaŭ rimarkindas, ke en multaj landoj, alta elcento de la loĝantaro, pli ol 75%, apartenas al unu religio, kiel katolikoj en Meksiko, Italio kaj Pollando, hinduoj en Hindio kaj Nepalo, islamanoj en Turkio, Egiptio kaj Senegalo, ortodoksuloj en Rumanio kaj Grekio, kaj budhistoj en Tajlando kaj Birmo. Kaj troviĝas unuopaj landoj ekster blokoj, kie unu religio havas altan gradon de apartenado, ekz. Filipinoj (katolikismo), Bangladeŝo (islamo) kaj Israelo (judismo).

Nu, kio estas la signifo de ĉio ĉi? El ateisma vidpunkto, ĝi prezentas potencan argumentaron kontraŭ religio kaj religioj. Ĝi klare indikas, ke religioj estas homaj inventaĵoj fontintaj el specifaj kulturaj, historiaj kaj politikaj cirkonstancoj. Kial la vero pri la universo, Dio / dioj kaj profetoj, kial specifaj kredoj kaj ritoj dependas de geografio, de onia naskiĝloko? Kial unu profeto aŭ saĝulo estas la plej grava kaj traktata kiel la posedanto de la vero en unu lando aŭ regiono, sed ne en alia, eĉ se najbara? Kial unu sankta libro estas traktata kiel fonto de vero en unu lando aŭ regiono, sed ne en alia? Kial religio estas tiom ofte ligita kun nacia identeco?

Se oni veturas 50 km de la pakistana urbo Lahoro al la hinda urbo Amritsar, la posedanto de la dia vero ŝanĝiĝas de Mahometo al Guru Nanak (fondinto de Sikismo). Kaj se oni pluen veturas de la ŝtato Panĝabo, kie situas Amritsar, al la najbara ŝtato Harjano, la ĉefa religio denove ŝanĝiĝas − de Sikismo al Hinduismo. Iom simile, se oni transiras la riveron Niso de Gubin en Pollando al Guben en Germanio, almenaŭ formala aliĝo al la Vatikanaj doktrinoj falas abrupte de 87% al nur 3% (fakte nur 32% da homoj en la provinco kie situas Gubin regule vizitas preĝejon). Ankaŭ menciindas ĉi-rilate, ke en Japanio nur ĉirkaŭ 1% de la loĝantoj estas kristanoj, dum en najbara Suda Koreio ĉirkaŭ 28%.

Religioj disvastiĝis, enradikiĝis en iuj lokoj pro diversaj kialoj, sed ofte tio okazis pro konkerado, milita perforto, premo sub perfort-minaco, simpla devigo fare de landestroj. Aliaj kialoj estis la predikado kaj persvadado de misiistoj, monaĥoj, mistikuloj kaj alispecaj kredantoj, komercado kaj kreado de kolonioj de alireligiaj




**Religioj de la mondo. (Bildo el: Wikimedia Commons)**

komercistoj (ofte akompanataj de predikantoj/misiistoj de tiu religio), kaj migrado kaj kontakto inter diversaj grupoj havantaj diversajn religiojn. Grava rolo ludis konvertiĝo de regantoj diverskiale (ofte pro politiko), kio sekve kondukis al konvertiĝo de la regatoj kun diversaj gradoj da trudado kaj premo. Krome, komprenenble en iuj kazoj religioj kreskis sen eksteraj premoj aŭ influoj, sed foje estis poste forigitaj de tiaj premoj kaj influoj.

Klare, religioj servis (kaj servas) iujn bezonojn de homoj kaj socioj tutmonde kaj samtempe utilis al regantoj por regi, teni potencon, kaj devigi ian socian ordon. Ili certe ankaŭ utilis al religiestroj kaj pastroj, kiuj ĝuis grandan potencon kaj influon super la ĉiutagaj vivoj de homoj. Efektive, ĝis la 18a jarcento, religioj (inkluzive sendiajn religiojn kiel konfuceismo kaj budhismo) servis kiel la ĉefaj ideologioj kaj principaroj de ŝtatoj, popoloj, komunumoj, kaj ankaŭ de ribelaj movadoj ene de diversaj ŝtatoj kaj imperioj. Ekde la 18a jarcento nereligiaj ideologioj fortiĝis kaj ekzistis paralele kun religioj, foje utiligis religiojn aŭ subteniĝis de ili.

Nu, estas diversaj klarigoj por la specifa geografia distribuo de religioj tutmonde. En la kazoj de kristanismo kaj islamo, ekspansiaj impulsoj ĉu perfortaj ĉu pli pacaj, estis kaj daŭre estas fortaj; ankaŭ budhismo estis ekspansia, sed plejparte per pacaj metodoj. Hinduismo kaj judismo, kontraste, ne estas ekspansiemaj se temas pli konvertado de homoj kaj landoj, kvankam certe ene de Hindio, speciale nun, estas fortaj impulsoj plifortigi la pozicion de hinduismo.

La geografieco de religio, la ekzisto de la grandaj religiaj blokoj ĉirkaŭ la mondo efektive nuligas la pretendojn de religioj esti la posedantoj de la vero, ĉar la vero ne povas esti geografia. Certe, iuj religioj, kiel islamo kaj la diversaj formoj de kristanismo, estas rigardataj de siaj anoj kiel universala kaj la sola vera – kaj disvastigenda tutmonde. Tamen, ja la fakto ke ekzistas pluraj religioj distribuitaj en geografiaj blokoj mem pruvas, ke neniu el ili estas la vera, kaj ĉiu estas produkto de iuj specifaj kulturaj, historiaj kaj politikaj kondiĉoj. Islamo estas araba religio, kies sankta lingvo estas la araba, kaj ĝia disvastigado entenis almenaŭ parte arabigon de fremdaj kulturoj – kaj arabigo laŭ la araba kulturo kaj socio de la mezepoko.

Ateistoj kaj agnostikuloj devus kontraŭstari la pretendojn de iu ajn religio al universaleco aŭ universala vereco, emfazante en sia argumentado la geografiecon de religioj, kaj la politikajn kaj ekonomiajn faktorojn malantaŭ ilia disvastiĝado, kaj ankaŭ la oftecon de perforto kaj devigo en tiu disvastiĝado. 87% da poloj estas

katolikoj kaj 87% da indonezianoj estas sunaaj islamanoj. Malmultaj el ili elektis sian religion, ili simple naskiĝis en tiu religio pro geografio kaj estis edukitaj akcepti ĝiajn doktrinojn kaj ligitajn kutimojn.

La perceptata vero de iu ajn religio kuŝas ĉefe en geografio, t.e. la situo de ĝiaj kredantoj – religia vero ne povas stari sendepende surbaze de racio, logiko kaj scienco. Religioj travivas pro fido, senracia senkritika kredado radikiĝinta en geografio. Ĉu ĉiuj religioj povas esti veraj? Klare ne – pri tio ateistoj kaj ĉiuspecaj religianoj povas ĝenerale interkonsenti. Do, fine, ni demandu: kio estas pli probabla – ke nur unu religio (kiu??) estas vera aŭ ke neniu estas vera? Certe ni povas kredi en la vereco de geografio, sed ĝuste geografio nuligas la verecon de ĉiuj religioj!

**Nyegosh Dube (Pollando)**



(Bildo el: www.pinterest.com/raymond_bourget/atheist-cartoons)

## Konstanteno: ĉu vere granda kristana imperiestro?

Itala profesoro pri historio en la universitato de Orienta Piemonto, Alessandro Barbero, faras prelegon en Jutubo en la itala, [1] kiu baziĝas sur lia libro *Costantino il vincitore* (Roma: Editrice Salerno, 2006).

Esence li diras, ke la konvertiĝo al kristanismo de Konstanteno estas duba. Por komenci: la fama "Edikto de Milano" ne donis formale al la kristanoj unuarangan pozicion inter la religioj de la imperio, sed simple asertis, ke ĉiu religio en la imperio havas la saman rajton esti sekvata.



La Arko de Konstanteno en Romo, Italio (315 p.K.)
(Foto de: David McSpadden)

La persekutoj kontraŭ la kristanoj jam estis ĉesintaj pli frue. Ili fakte jam ĉesis pro deklaro de antaŭa imperiestro, Kajo Galerio. Sed Konstanteno estis lerta politikisto, kiu bezonis la apogon de la popolo por akiri la pozicion de sola imperiesto. Konstatinte, ke kristanoj estas jam multaj, li decidis baziĝi sur ili kaj donis al ili amason da donacoj kaj privilegioj.

Cetere la konduto de Konstanteno tute ne estis kristana, ĉar li daŭrigis ankaŭ post Milano sian sangoplenan vojon al la kompleta regado de la tuta Romia Imperio. Tion li simple atingis per mortigado de la aliaj kunimperiestroj. En tiu historia momento la Romia Imperio estis dividita inter du imperiestroj kaj du subimperiestroj, nomitaj cezaroj.

Okaze de unu el tiuj mortigoj, tiu de la imperiestro Maksencio (Maxentius en la latina), laŭ la legendo okazis granda miraklo antaŭ batalo en Romo apud la ponto Milvio super Tibero. Dio persone intervenis kaj Konstanteno kaj lia tuta armeo vidis en la ĉielo krucon kun la skribo "Per ĉi tiu signo vi venkos". Certa pri la helpo de Dio, Konstanteno atakis kaj gajnis.

Nu, kio okazis en la realo? Neniu scias, sed la kristana historiisto Laktancio (Lactantius), kiu verkis tuj post la batalo, nur rakontas, ke en la nokto antaŭ la batalo Konstanteno havis sonĝon laŭ kiu, se li metos la nomon de Kristo sur la ŝildojn de la soldatoj, li gajnos la batalon. Laŭ Laktancio, matene Konstanteno rakontis pri la sonĝo al la soldatoj kaj metigis la nomon de Kristo sur la ŝildojn. Kaj tamen: 1) Ĉiuj generaloj en tiu tempo havis favoran sonĝon dum la nokto antaŭ la batalo kaj matene rakontis tion al la enviciĝintaj soldatoj por kuraĝigi ilin. Cezaro faris, Aŭgusto faris, ktp. Do la sonĝo de Konstanteno estas unu el serio de tiaj sonĝoj. 2) Ekzistas multaj bildoj de la soldatoj de Konstanteno kun tre klare videblaj ŝildoj kaj sur neniu ŝildo estas la nomo de Kristo. Oni devas konkludi, ke temas pri invento de la kristana historiisto, por pravigi la helpon de Dio al Konstanteno.

Alia pli grava historiisto, Eŭzebo el Cezareo (Εὐσέβιος τῆς Καισαρείας), kiu verkis post la morto de Konstanteno, rakontas la aferon

alimaniere: Konstanteno vidis en la mateno, dum li estis sendorma, kune kun la tuta armeo, krucon en la ĉielo kun la citita skribo. Sed, en tiu epoko kruco ankoraŭ ne estis uzata de la kristanoj kiel sia plej grava simbolo, ĉar por la romanoj kruco estis malŝatinda ilo por mortigi krimulojn. Laŭ la propaganda vidpunkto ĝi ne estis uzinda. Ilia simbolo estis la komencliteroj de la vorto Kristo en la greka.

Eŭzebo ne hezitas rakonti, ke li aŭdis tiun rakonton de la maljuna Konstanteno mem, kiu ĵuris, ke ĝi estas vera. Evidente ankaŭ Eŭzebo havis intereson glorigi Konstantenon por glorigi la eklezion. Lia malfrua rakonto troviĝas en la libro Historio de la eklezio. Sed kiel povas esti, se miloj da homoj vidis tiun krucon en la ĉielo, ke neniu alia historiisto aŭ verkisto parolas pri tio post la batalo?

Entute, ne fidu miraklojn, same kiel vi ne fidus min, se mi rakontus al vi, ke ĉi-matene mi vidis verdan stelon en la ĉielo kun la skribo “la fina venko estas proksima”. Krome atentu, ke nuntempe iuj televidaj kanaloj en Usono sukcesas kredigi al la usonanoj, ke ili ne volas san-servon. En la pasinteco eĉ sen televido la potenculoj sukcesis konvinki la popolon pri neokazintaj aferoj, kaj ankoraŭ nun en katolikaj landoj oni rakontas pri Konstanteno kaj la kruco en la ĉielo.

**Renato Corsetti (Britio)**

1 https://www.youtube.com/watch?v=Mu2o8amNew0&t=5099s

---

## Jan Hus, Jan Žižka kaj la batalo kontraŭ katolikismo en Ĉeĥio



Monumento al Jan Hus en Prago, Ĉeĥio. (Foto de: Steve Minor)

Ĉeĥio estas konata kiel la plej aŭ unu el la plej ateismaj landoj en Eŭropo. Fakte, “senreligia” estas pli taŭga ol “ateisma” por priskribi tiun landon. Laŭ enketo de la Pew Research Center, 72% da ĉeĥoj estas “religie neligitaj”sed el ili nur triono nomas sin ateistoj. El tiuj, kiuj aliĝas al iu religio, la granda plimulto estas katolikoj (21% da ĉeĥoj – en 1991 tiu cifero estis 44%). La kialo por ambaŭ faktoj radikas en historio de batalado kontraŭ katolikismo kaj kontraŭmilitado fare de eksterlandaj katolikaj armeoj, kiuj eniris Ĉeĥion.

La plej grava elirpunkto estas la movado de Jan Hus (1369-1415), kiu alvokis al protestantecaj reformoj pli ol cent jaroj antaŭ Martin Luther (1483-1546). Li estis kondamnita de la katolika eklezio pro herezo kaj kruele ekzekutita per bruligado en Konstanco, Germanio. Certe tio memorigas pri ateismaj martiroj kiel filozofo-kosmologo Giordano Bruno (1548-1600), kiu simile estis ekzekutita per bruligado en Romo, kaj nobelo-filozofo Kazimierz Łyszczyński (1634-1689), ekzekutita per senkapigado en Varsovio.

Hus diskonigis siajn reform-ideojn per predika-

do, prelegado universitata, verkado kaj tradukado. Li forte atakis la nemoralan, avidan konduton de la katolika klerikaro, interalie ĝian vendadon de indulgencoj (la mildigado aŭ nuligado de punoj por pekoj), la privilegiojn kaj riĉecon de la eklezio, kaj eĉ la konduton kaj aŭtoritaton de la papoj mem. Mono el indulgencoj estis uzata por financi krucmilitadon. Hus kondamnis tion, kredante ke la eklezio ne devus uzi perforton kontraŭ siaj oponantoj. Ankaŭ tre grave, li defendis la naciajn rajtojn de la ĉeĥoj, komencante je la lingva nivelo – la rajto prediki, fari religiajn ritojn, kaj legi la Biblion en la ĉeĥa (anstataŭ la latina). Hus fariĝis tre populara inter ordinaraj civitanoj, sed ankaŭ gajnis la subtenon de la ĉeĥa reĝo dum iom da tempo ĝis tiu submetiĝis al Vatikana premo kaj igis lin forfuĝi el Prago. En 1414 li estis trompe venigita al Konstanco kaj efektive malliberigita ĉe alveno, procesita pro herezo, kaj murdita de la sankta eklezio.

Preskaŭ la saman viv-periodon kiel Hus havis Jan Žižka (1360-1424). La ekzekuto de Hus okazigis grandskalan armitan ribelon de liaj anoj, kaj estis Žižka, kiu fariĝis la plej grava komandanto de la husanaj militfortoj, popolarmeo ĉefe kamparana. Jam antaŭ la morto de Hus, li gajnis militsperton en la fama Batalo de Grunwald en Pollando (1410). Post la Unua Elfenestrigo de Prago en 1419 (kiam husanoj elĵetis malamikajn urbokonsilantojn el urbodoma turo) komenciĝis la Husanaj Militoj, verdire rezisto-militoj fare de ĉeĥoj kontraŭ katolikaj krucmilitiroj el eksterlando. Žižka, genia militisto, sukcese estris la reziston kontraŭ la unuaj tri krucmilitiroj. Li estis dum iu periodo la gvidanto de la t.n. Taboranoj, radikala frakcio de husanoj. Okazis ankaŭ militado inter la husanaj frakcioj. Dek jarojn post la morto de Žižka, koalicio de la modera Utrakvisma frakcio (konata kiel "kalikuloj" ĉar ilia simbolo estis vin-kaliko) kaj ĉeĥaj katolikoj malvenkigis la Taboranojn en la Batalo de Lipany (1434).

En la sekvontaj jardekoj, ĝenerale estis religia paco en Ĉeĥio. En 1485 estis subskribita la pacinterkonsento de Kutna Hora, kiu donis egalan statuson al la Utrakvistoj kaj katolikoj. La



Monumento al Jan Žižka en Tabor, Ĉeĥio. (Foto el: www.individualita.com)

Utrakvismaj husanoj restis granda plimulto (ĉirkaŭ 85%) de la loĝantaro. Ekde 1517 ili gajnis aliancanojn en Germanio kaj inter germanaj burĝoj en Ĉeĥio pro la Protestanta Reformacio lanĉita de Martin Luther tiujare (do ĉi-jare estas la 500a datreveno). Luther mem agnoskis, ke Hus anticipis liajn ideojn.

Religiaj-naciaj konfliktoj rekomenciĝis en 1526, kiam la katolika Habsburga dinastio sukcesis gajni la tronon de Bohemio. En 1547 ekflamis armita konflikto inter la reĝo Ferdinand kaj la plejparte husanaj "ĉeĥaj statoj"* (nobelaro, burĝaro, kavaliraro), sed la Habsburga regado daŭris. En 1609 la reĝo Rudolf II dekretis religian liberecon en la ĉeĥaj landoj, tamen lia posteuloj malobservis tion, kio kaŭzis novan ribelon en 1618 kaj sek-

van pragan elfenestrigon. Ĉar la ĉeĥaj statoj elektis germanan protestanton kiel reĝon, la tiama Habsburga reĝo Ferdinand II – kiu estis fervora katoliko – organizis internacian katolikan armeon kun la celoj regajni la tronon kaj subpremi husanismon / protestantismon en Ĉeĥio. La armeo invadis kaj en la Batalo sur Blanka Monto (1620) malvenkigis la husanajn statojn. La rezulto estis la deviga re-katolikigo de Ĉeĥio, la forfuĝo de multaj nobeloj, enfluo de germanoj kaj malfortiĝo de ĉeĥaj kulturo kaj lingvo, kaj subigo al Habsburga regado ĝis 1918. Dudek sep el la ribelestroj estis ekzekutitaj en la Malnovurba Placo de Prago – novaj martiroj, novaj viktimoj de katolika netoleremo.

Jan Hus kaj Jan Žižka estas hodiaŭ naciaj herooj en Ĉeĥio, en multaj lokoj troviĝas monumentoj al ili. En Prago, ĝuste en la Malnovurba Placo estas monumento al Hus kaj sur monteto staras grandega surĉevala statuo de Žižka. En la ĉefplaco de Tabor ankaŭ troviĝas monumento al Žižka. Estas interesa kontrasto inter tiuj du figuroj – Hus pacema, Žižka militema – sed la militagado de Žižka kompletigis la vortagadon de Hus. Pro Žižka kaj lia militado kontraŭ la katolikaj krucmilitistoj, husanismo povis fariĝi la ĉefkredo de la ĉeĥoj kaj enradikiĝis en la ĉeĥa nacia konscio. Malgraŭ la katolika venko ĉe Blanka Monto, la husana spirito daŭris en la lando kaj plejparte ĉeĥoj estis katolikoj nur nome. Por la plimulto da ĉeĥoj, la katolika eklezio estis kaj restas ligita kun Habsburga regado, eksterlanda okupacio. Post la kolapso de la Habsburga Imperio en 1918, ĉeĥoj ne amase revenis al husanismo kiel religia kredaro, kvankam fondiĝis Ĉeĥoslovaka Husana Eklezio (kiu daŭre funkcias). Kreskis forte sekularismo, inkluzive ateismon. Ateistoj devus danki al Hus kaj Žižka pro iliaj klopodoj rezisti la fortan katolikan eklezion kaj antaŭenigi la liberecon de ĉeĥoj elekti siajn kredojn, kio kondukis fine al entuta malelekto de religioj inter tiom alta elcento de la loĝantaro.

** "Stato" havas historian kromsignifon de socia grupo en tradicia hierarkio. Tiu signifo menciiĝas en PIV kaj la Reta Vortaro. Por "ĉeĥaj statoj", oni diras "české stavy" ĉeĥe kaj "Bohemian estates" angle.*

**Nyegosh Dube (Pollando)**



(Bildo el: pisarze.pl)

"La pastroj ĉiam profitos el la nescio kaj superstiĉoj de la popolo kaj utiligos religion kiel maskon por kaŝi la hipokritecon kaj malvirton de siaj agoj."

"Nacio devus estis mastro de sia propra sorto kaj tial ĝiaj rajtoj devus esti superaj al tiuj de la eklezio; neniu religio devus malobservi ilin alvokante al dia leĝo, sed male, ĉiu religio devus obei la leĝojn starigitajn de la nacio."

Tadeusz Kościuszko (1746-1817), pola nacia heroo, kiu ankaŭ ludis gravan rolon en la usona sendependeca milito. Li krome forte kredis je egalaj rajtoj kaj liberigo – de nigraj usonaj sklavoj, blankaj polaj servutuloj, judoj, indiĝenaj amerikanoj, virinoj, kaj ĉiuj aliaj, kiuj estis subpremataj aŭ malfavorataj. Kaj, kiel indikas la citaĵoj, li subtenis sekularismon.

## Senreligieco kaj ateismo en Brazilo

Senreligieco estas relative nova, sed kreskanta fenomeno en Brazilo. Ekde 1970 la oficiala brazila popolnombrado ofertas *sem religião* ("sen religio") kiel elekton por tiuj, kiuj ne konsideras sin membroj de iu religio: tiu ĉi kategorio inkluzivas ateistojn kaj agnostikulojn unuflanke kaj neligitajn di-kredantojn aliflanke. Laŭ la popolnombrado de 2000, 12.5 milionoj da brazilanoj deklaris sin senreligiaj (7.3% de la tuta loĝantaro). En la sekvonta jardeko, la nombro kaj proporcio kreskis ĝis en 2010 estis 15.3 milionoj da senreligiaj homoj (8% de la loĝantaro). Sed la nombro da deklaritaj ateistoj en 2010 estis nur 740,000 (0.39%).

Daniel Sottomaior, la prezidanto de la Brazila Asocio de Ateistoj kaj Agnostikuloj kredas, ke fakte la vera proporcio estas pli alta, ĉirkaŭ 2%. La asocio helpas senreligiulojn, kiuj estas viktimoj de antaŭjuĝado kaj diskriminaciado. Laŭ Sottomaior, "Oni bezonas kuraĝon esti ateisto [en Brazilo]. Tial multaj ateistoj ankoraŭ kaŝas sian senkredecon." Ateistoj povas esti fizike minacataj, maldungitaj aŭ forigitaj de siaj familioj pro sia nekredo. Sottomaior mem ricevis mortminacojn. Fakte, enketo en 2009 montris, ke ateistoj estis el la listigitaj grupoj la plej malŝatata en Brazilo (malamata de 42% de la respondintoj), iom pli eĉ ol drogmaniuloj.

La brazila konstitucio starigas la sekularan bazon de la federacio, la subŝtatoj kaj la municipoj, kaj garantias liberecon de religio kaj pensado. Bedaŭrinde, tamen, konstitucio ne povas certigi, ke homoj bone, respekteme, senantaŭjuĝe traktu aliajn kaj aŭskultu iliajn argumentojn.

*Fontoj: La artikolo "Irreligion in Brazil" en Wikipedia (laŭ ĝia enhavo je 8 oktobro 2017) kaj la artikolo "Brazilian atheists stay closeted or fear death threats"de Agence France-Presse (6 junio 2013) https://www.rawstory.com/2013/06/brazilian-atheists-stay-closeted-or-fear-death-threats/*



## Kristanecaj geedziĝ-festoj en nekristana Japanio: regas spektaklo ne religio

Adam Altar estas licencita pastro loĝanta en Japanio, kie li kondukas kristanecajn geedziĝ-ceremoniojn. Al tiuj, kiuj pridubus liajn licencojn, li verŝajne prezentus la alian vangon. Por junaj japanaj paroj, por kiuj eble pli valoras spektaklo ol religio, Altar kredas, ke li ofertas pli signifoplenan servon ol liaj samfunkciuloj el tradiciaj kristanaj eklezioj.

"Mi ne estas falsa. Mi estas licencita kaj ordinita en du diversaj eklezioj," diris en intervjuo la 44-jaraĝa Altar (pseŭdonimo, kiu signifas "altaro"-n). La usonano, kiu ankaŭ laboras kiel instruisto de la angla kaj muzikisto, celebras geedziĝ-ceremoniojn semajnfine en Tokio. Unu el siaj licencoj li akiris de la Eklezio de Spirita Humanismo "por ĉirkaŭ 10 dolaroj".

Ekde la malfruaj 1990aj jaroj, okcident-stilaj "blankaj geedziĝ-festoj" preterpasis ŝintoismajn nuptojn kiel la preferata ceremonio. Tial, kiel iaspeca pastro, Altar trovis niĉon, kie liaj servoj en luksaj hoteloj kaj geedziĝ-kapeloj fariĝis popularaj.

Tiuj kristanaj klerikoj, kiuj kontraŭas tiajn ceremoniojn nomas multajn el tiuj eksterlandaj celebrantoj "falsaj pastroj". Sed la geedziĝ-industrio argumentas, ke tiaj kristanecaj geedziĝoj ne havas ian klare religian signifon. Laŭ ili, la plimulto da partoprenantoj vidas tian geedziĝ-feston kiel ŝancon surhavi blankan robon aŭ frakon kaj marŝi laŭ la geedziĝa navo antaŭ geamikoj kaj familianoj.

Kristanoj konsistigas nur unu elcenton de la loĝantaro de Japanio (127 milionoj), laŭ datumoj publikigitaj en 2015 de la Agentejo por Kulturaj Aferoj. Sed enketo fare de la esplorfirmao Bridal Souken trovis, ke kristan-stilaj geedziĝ-ceremonioj konsistigas ĉirkaŭ du trionojn el ĉiuj en Japanio, montrante ke granda plimulto da japanoj preferas tiajn ceremoniojn al tradiciaj ŝintoaj aŭ civilaj. Fakte, oni diras, ke japanoj vivas laŭ la jena devizo: "Naskiĝi ŝintoe, vivi senreligie, geedziĝi kristane kaj morti budhisme".

Eksterlandaj celebrantoj, kiuj laŭ la sperto de Altar estas senescepte blankuloj, estas dungitaj plejparte de kompanioj subkontraktitaj de kekkonshikijo (geedziĝ-kapeloj). "La kapeloj tute ne estas ligitaj kun eklezioj aŭ preĝantoj," li diris. Por Altar, la ĉefa tasko estas instigi parojn malstreĉiĝi. "Mi ne fokusiĝas je Dio, sed je la paro." Li sentas, ke se li komencas paroli pri Dio, la partoprenantoj ĉesas atenti liajn vortojn.

Kiyoka Smith, kiu laboris dum 10 jaroj kiel geedziĝ-planisto, konsentas, ke la allogo de kristan-stila geedziĝo malmulte, se eĉ entute, ligiĝas kun religio. "Mi pensas, ke estas tio rilatas al la ekstera aspekto de kristana geedziĝo, ne pri religio", diris Smith, kiu konatiĝis kun sia estonta edzo ĝuste ĉe kristaneca geedziĝ-ceremonio, kiun li estris kiel eksterlanda pastro.

Jesse LeFebrve, doktoriĝa kandidato pri orientaziaj lingvoj kaj civilizacioj ĉe Universitato Harvard kun magistra diplomo pri japana religio, verkis referaĵon pri kristanecaj geedziĝoj kaj senreligieco en Japanio. Li asertas, ke la nereligiaj sintenoj en la japana socio kontrastas kun konduto, kiu estas sendube religia – tendenco dependi de religiaj profesiuloj kaj ritoj kiam ili servas iun specifan celon, malgraŭ ke la plimulto da japanoj konsideras sin esti mushukyo, aŭ senreligia.

"Se ĝi aspektas aŭtentika, sonas aŭtentika, ĝi estas nepre aŭtentika. Ĉar la pastro ĉe la geedziĝ-kapelo estas blankulo, li certe estas kristano. Por multaj japanoj, se iu estas blankulo, tio estas signo, ke tiu persono vere estas kristano," LeFebvre diras. Li krome atentigas, ke miloj da kekkonshikijo, duono de ili memstaraj konstruaĵoj desegnitaj por plaĉi al ia estetiko de gotika beleco kaj religieca dekoraciado, ekaperis en lastaj jaroj trans la lando.

Se temas pri la ekonomia flanko, la geedziĝ-industrio havis valoron de ĉirkaŭ 2.52 trilionoj da enoj (19 bilionoj da eŭroj) en 2016. Je unuopa nivelo, kiam Altar komencis en la jaro 2000, li povis gajni 40,000 enojn (300 eŭrojn) por ceremonio, sed poste, la pago falis abrupte pro kreskanta nombro da celebrantoj. "Ĝi estas 10,000 enoj por unu 20-minuta ceremonio. Je

bona tago, eĉ nun, mi povas gajni 50,000 (por pluraj geedziĝoj).”

Altar estas certa ke la japanaj paroj, kiujn li geedzigas, estimas lian servon, senkonsidere ĉu ili estas nekredantoj. Laŭ li, “ami, honori kaj prizorgi” (angle: “Love, honor and cherish”) estas universalaj votoj.

*Artikolo de Dave Hueston tradukita el la angla (en mallongigita formo) de la redakcio. Ĝi originale aperis en The Japan Times (23 junio 2017). Dankon al Takeo Igaraŝi, kiu sendis la artikolon. https://www.japantimes.co.jp/news/2017/06/23/national/christian-style-weddings-grow-popular-japan-allure-optics-religion/*

## Esploro en Usono montras evoluon en la pensado

Nova esploro montras, ke finfine komencas fali la procentaĵo de usonanoj, kiuj kredas, ke la homaro estis kreita en sia nuna formo de Dio antaŭ malpli ol 10,000 jaroj.

Laŭ esploro farita de Gallup Poll en majo 2017, nur 38% da usonanoj ankoraŭ tenas tiun kredon: tio estas ankoraŭ bedaŭrinde alta proporcio, tamen signife pli malalta ol en antaŭaj esploroj. 57% da usonanoj nun akceptas la sciencan teorion, laŭ kiu la homoj evoluis el aliaj vivuloj dum milionoj da jaroj.
Tio tamen ne signifas, ke la homoj fariĝas ateistoj. La plej granda ŝanĝo okazas en la nombro de kristanoj, kiuj ja rekonas, ke evoluado okazis, sed restas ĉe la opinio, ke ĝi estis kaj ankoraŭ estas gvidata de Dio.



Rekonstruo de la Arkeo de Noa en Kentukio, Usono
(Foto de: John Minchillo / AP)

Legantoj de *Ateismo* ne miros pro la informo, ke la kredo pri la Dia kreado estas ligita kun malpli alta eduka nivelo. 48% de tiuj sen universitata diplomo kredas je la Dia kreado, kontraŭ nur 21% de tiuj kun doktoriĝa diplomo. Tamen eĉ inter usonanoj kun universitata aŭ doktoriĝa diplomo, la plejmulto ja kredas, ke Dio iamaniere partoprenis en la procedo.

Malpli ol 20% da usonanoj kredas je sendia evoluado; tamen tiu proporcio jam duobliĝis ekde la jaro 2000.

*Laŭ informoj en http://news.gallup.com/poll/210956/belief-creationist-view-humans-new-low.aspx*

## Pli ol duono da britoj nun estas senreligiaj

Por la unua fojo, pli ol duono de la loĝantoj de Britio ne konsideras sin religiaj, laŭ enketo. Pasintjare 53% da homoj deklaris, ke ili apartenas al "neniu religio", en enketo de 2,942 plenkreskuloj farita de la Nacia Centro por Socia Esplorado *(National Centre for Social Research)*. Inter tiuj, kiuj aĝis inter 18 kaj 25 jaroj, la proporcio estis eĉ pli alta: 71%.

La ciferoj montras malsuprenira tendenco por religia kredo en Britio. Kiam la Nacia Centro komencis sian enketon pri Britaj Sociaj Sintenoj en 1983, 31% da respondantoj diris, ke ili apartenas al neniu religio.

Lote elektita provgrupo de plenkreskuloj partoprenis en la plej lastatempa enketo, en kiu oni demandis, ĉu ili konsideris sin anoj de iu specifa religio. Preskaŭ du trionoj da 25-34-jaraĝuloj diris, ke ili estas senreligiaj, dum 75% da homoj aĝantaj 75 aŭ pli diris, ke ili estas religiemaj.

La plej novaj ciferoj montras, ke el homoj kiuj naskiĝis en religia familio, kvar el 10 ne plu estas religiemaj.

Tamsin, 26-jaraĝa vojaĝ-ĵurnalisto, estas membro de la Dimanĉa Asembleo, sekulara kvazaŭ-eklezio, kiu renkontiĝas en Londono ĉiun duan semajnon. Ŝi diras: "Mi tute ne estas religiema. Al mi plaĉas, ke tio ĉi estas maniero por la komunumo kuniĝi sen la perado de religio."

Alia membro de la Asembleo, Mitsky, kreskis en la antikva hinda religio ĝainismo, sed nun pli emas konsideri sin ateisto. "La plimulto da religioj havas bonajn principojn, sed iuj religioj portas ilin en alia direkto, kun kiu mi vere ne konsentas", diris la 38-jaraĝulo."Mi estis profunde engaĝita en la ĝaina komunumo ĉi tie en Londono, kaj ĝi ja mankas al mi, tial mi serĉis ion alian."

La plej novaj ciferoj montras, ke el homoj kiuj naskiĝis en religia familio, kvar el 10 ne plu estas religiemaj. La plej abrupta malpliiĝo okazis inter tiuj, kiuj nomas sin Anglikanoj. Ĉirkaŭ 15% da britoj konsideris sin anglikanoj en 2016, duono de la proporcio, kiu diris tion en 2000, laŭ la enketo. La nombro de tiuj, kiuj nomas sin katolikoj restis stabila – ĉirkaŭ unu el 10 – dum la pasintaj 30 jaroj, dum unu el 20 identigas sin kun ne-kristanaj religioj.

Roger Harding de la Nacia Centro por Socia Esplorado diras, ke la ciferoj devus pensigi religiajn gvidantojn. "Konsidere la falantajn nombrojn, religiaj ĉefoj devus pripensi, ĉu ili devus fari pli por sekvi siajn anarojn pri adaptiĝo al ŝanĝiĝanta socio", li diris.

Laŭ la Episkopo de Liverpolo, Paul Bayes, la ciferoj alportas "daŭran defion al la eklezioj" en "skeptika kaj plurisma mondo". Sed li opinias, ke Dio kaj la eklezio tamen "restas aktualaj" kaj ke diri " 'neniu religio' ne estas la sama kiel pripensita ateismo".

Sed la organizaĵo Humanists UK asertas, ke la ciferoj levas novajn demandojn pri la rolo de eklezioj en la administrado de ŝtataj lernejoj kaj pri iliaj aliaj privilegioj. La ĉefo de la organizaĵo, Andrew Copson, demandas: "Pli ĝenerale, kiel la Eklezio de Anglio povas resti en iu ajn signifoplena senco la nacia leĝe establita eklezio, kiam ĝi servas tiel malgrandan porcion de la loĝantaro?"

*Artikolo el la retejo de la BBC tradukita el la angla en iom mallongigita formo de la redakcio. http://www.bbc.com/news/uk-41150792(4 September 2017)*

## Hindoj marŝas por scienco kaj kontraŭ religie bazitaj malveraĵoj




Marŝo por Scienco okazis en multaj hindaj urboj, inkluzive Kalkuton (Foto el: blogs.nature.com/indigenus)

En aŭgusto miloj da sciencistoj, studentoj kaj aliaj subtenantoj de scienco marŝis en 25 urboj tra Hindio/Barato. Ili estis inspiritaj de tutmonda marŝo por scienco, kiu okazis en aprilo. La marŝantoj postulis pli altan financadon por sciencaj agadoj kaj pli rigoran observadon de Artikolo 51A de la Konstitucio, laŭ kiu civitanoj havas la devon "evoluigi sciencisman sintenon, humanismon, kaj spiriton de esplorado". Ili protestis kontraŭ kreskanta disvastigado, fare de la registaro, de nesciencaj ideoj kaj religiaj mitoj, por malkredindigi historiajn aŭ sciencajn verojn.

"Antaŭ du jaroj, iu povis prezenti tezon ĉe la Hinda Scienca Kongreso, asertante ke antaŭ 9,000 jaroj en Hindio ekzistis aviadiloj, kiuj kapablas vojaĝi al aliaj planedoj. Li prezentis neniun pruvon, nur opinion. Aliaj asertas, ke la mitologio de la Ramajano rakontas historiajn faktojn. Tio maltrankviligas nin, ĉar tiuj tezoj ricevas la subtenon de la registaro", diris Sumitro Banerjee, profesoro ĉe esplor-instituto en Kalkuto kaj kunorganizanto de la marŝo.

La ĉefministro Narendra Modi mem estas hindua fundamentisto kaj subtenas tiajn tezojn. Publika mono ekzemple estas nun dediĉata al esploroj pri bonefiko de la fekaĵo de la sankta bovino. Sed por studentoj en sciencaj fakoj, kiel Asim Chaprakar, mankas rimedoj: "La financoj malkreskas, niaj instrumentoj ne estas regule riparitaj. La laboro, kiu postulis de ni unu semajnon, postulas nun du aŭ tri monatojn. Tio damaĝas la esploradon de ĉiuj".

Souvik Mandal, ekologo kiu marŝis en Bengaluro, diris ke li maltrankvilas "pri la nescio de publikaj kaj ŝtataj institucioj, kaj ilia neado de sciencaj faktoj. Tre alarma estas la intensa disvastigado de pseŭdoscienco kaj superstiĉoj en Hindio kaj tutmonde."

Laŭ la Monda Banko, la elspezoj de Hindio por esplorado kaj disvolvado stagnas je la nivelo de ĉirkaŭ 0.8% de la malneta enlanda produkto (MEP) dum la lastaj jaroj. Deepak Modi, sciencisto el Bombajo, opinias ke "tio estas multe malpli ol la minimumo por fari ian ajn sciencan trarompon". Kontraste, Ĉinio investis pli ol 2% de sia MEP por esplorado kaj disvolvado en 2014. La marŝantoj havas pli ambician celon: interalie ili postulas, ke estu asignitaj almenaŭ 3% de la hinda MEP al scienca kaj teknologia esplorado kaj 10% al edukado.

*Fontoj: "Barato: sciencistoj manifestacias…" http://neniammilitointerni.over-blog.com/2017/08/barato-sciencistoj-manifestacias-kontrau-pseudo-scienco-religia-netoleremo-kaj-bagatelaj-financoj.html kaj "Thousands march for science across India" http://www.aljazeera.com/news/2017/08/thousands-march-science-india-170809161647639.html*

## Sen Dio kaj sen Biblio: la ofica ĵuro de la novzelanda ĉefministro

La nova ĉefministro de Novzelando estas ne nur la plej juna ŝtatestrino en la mondo – ŝi estas ankaŭ agnostikulo. Kiam Jacinda Ardern formale akceptis la oficon de ĉefministro la 26an de oktobro 2017, ŝi ĵuris sen Biblio kaj sen aludo al Dio. Je 37 jaroj Adern estas la plej juna ŝtatestro de Novzelando de la pasintaj 150 jaroj. Tamen ŝi jam estas ĝia tria ina ĉefministro.

La ofica ĵuro normale enhavas la frazon "per la helpo de Dio". Sed Ardern ne menciis Dion dum la ĵuro, kaj neniu Biblio vidiĝis dum la ceremonio. Ŝi nun deklaras sin agnostikulo, sed ŝi estis edukita kiel Mormono. Tamen ŝi forlasis la mormonan eklezion dum siaj 20aj jaroj, kiam ŝi trovis, ke ŝi ne povas subteni ĝian sintenon rilate al samseksemuloj.

Diskutante sian decidon forlasi la religion, Arden klarigis dum intervjuo kun la gazeto *New Zealand Herald*: "Dum multaj jaroj mi preferis ne pensi pri tio. Ĝi estis tro perturba. Se religio estas fundamento de la propra vivo, sed poste oni ekhavas dubojn, tio estas malfacila afero por fronti."

Ŝi aldonis, "Mi respektas tiujn homojn, por kiuj religio estas fundamento de la vivo. Mi ankaŭ respektas homojn, kiuj opinias male. Mi estas agnostikulo. Mi ne dediĉas al tio tro da cerbumado. Tutsimple mi opinias, ke la homoj devus havi la rajton teni siajn personajn kredojn sen persekutado, ĉu ili estas ateistoj aŭ konvinkitaj religiuloj."



Nova ĉefministro Jacinda Ardern, tuj post sia ofica ĵuro.
(Foto de: AFP Photo / Neil MacKenzie)

Adern estas gvidanto de la Laborista Partio. Ŝi aprobas ŝtatan helpon por tiuj, kiuj bezonas tion, kaj samtempe malfavoras imposto-malaltigon por tiuj kun altaj enspezoj. En 2013 ŝi voĉdonis favore al samseksaj edz(in)iĝoj, kaj ŝi opinias, ke necesas ĝisdatigi la leĝon pri abortigoj. Ŝi ankaŭ subtenas la devigan instruadon de la maoria lingvo en lernejoj.

*Fontoj: http://www.patheos.com/blogs/progressivesecularhumanist/2017/10/no-god-no-bible-jacinda-ardern-sworn-new-zealand-prime-minister/#gus48c6SZbWgAmcb.99 kaj Wikipedia.*

## Kial Dio kreis ateistojn?

Ĥasida fablo de la juda filozofo Martin Buber (1878-1965):

La Majstro instruas al siaj studentoj, ke Dio kreis ĉion en la mondo por ke oni admiru ĝin, ĉar ĉio ĉi tie ekzistas por doni al ni ian instruon.

Lerta studento demandas, "Kiun lecionon ni povas lerni de la ateistoj? Kial Dio kreis ilin?"

La Majstro respondas, “Dio kreis ateistojn por instrui la plej gravan lecionon el ĉiuj: la lecionon de vera kompato. Nu, vidu: kiam ateisto plenumas bonfaran agon, vizitas malsanulon, helpas iun kiu suferas mankojn, kaj zorgas pri la mondo, li ne faras tion pro iu religia instruo. Li ne kredas, ke Dio ordonis al li fari tiun agon. Fakte, li tute ne kredas je Dio, do liaj agoj baziĝas sur interna senso de moraleco. Kaj vidu kian bonkorecon li povas montri al aliaj, tutsimple ĉar li trovas tion ĝusta.

“Tial,” daŭrigis la Majstro, “kiam iu petas vian helpon, neniam diru ‘Mi preĝos, ke Dio helpu vin’. Anstataŭe, fariĝu dummomente ateisto, imagu ke ne ekzistas helpema Dio, kaj diru ‘Mi helpos vin’.”

## Vidinda dokumenta filmo pri Birmo

Vere konsilinda estas la plej lasta dokumenta filmo de Barbet Schroeder, titolita “La respektinda W”.

Ĝi temas pri la nuntempa budhismo en Birmo kaj pli precize pri la pastro Wirathu, nomata “W”, kiu kapablas flamigi budhistojn kontraŭ islamanoj ĝenerale, kaj plej ofte kontraŭ la Rohinĝa popolo.




Renkontante tiun influan monaĥon, oni subite troviĝas sine de ĉiutaga rasismo. Oni observas kiel islamofobio implicas perforton kaj detruon. Kiel kompreni tiun fenomenon en lando kie preskaŭ 90% de la loĝantoj estas budhistoj ?

La filmo montras kiel paroladoj senĉese kaj senbride ripetataj kondukas al pogromoj. Oni bone komprenas, ke ĉiuj religioj havas respektindan vizaĝon, kiu predikas pacon kaj humanismon, sed foje povas transformiĝi en la plej aĉan malamon kontraŭ aliaj komunumoj. Neniu religio, eĉ budhismo, kvankam religio sen dio, fama pro siaj saĝeco, toleremo kaj pacamo, evitas tiun rifon.

*Unua prezento: 7 junio 2017*
*Filmisto: Barbet Schroeder*
*Kategorio: dokumenta filmo*
*Landoj : Svisio kaj Francio*
*Daŭro: 1h40*

**Martine Rivière (Francio)**

## Pri Dio kaj aliaj mensogoj

Najbaro de la knabo estis dokisto, kiu dum la tuta tago devis pene labori ĉe haveno. Li portis pezajn sakojn kun manĝo por homoj aŭ eble por malriĉaj infanoj en Afriko, el kiuj preskaŭ ĉiuj mortmalsatas, laŭ instruisto ĉe la lernejo. La kaŭzo de tio, diris la instruisto, estas ke ili ne kredas je la bona infano Jesuo, la filo de Dio. Sed ni ne parolu nun pri infanoj, kiuj malsatis aŭ mortis pro malsato, ĉar tiam la knabo tro suferis kaj sentis la dolorojn de la infanoj, kiuj suferegis pro manko da manĝo, same kiel li sentis la doloron en la dorso de la dokistoj.

Li bone memoris pri la tempo kiam li estis en infanĝardeno. Nu ja, infanĝardeno estis nur nomo, kiun oni donis al ĝi, ĉar neniu ĝardeno videblis. La infanĝardeno apartenis al abatinoj, kiujn oni devis alparoli per la titolo *fratino*. Vere embarase estis ke ili ne estis fratinoj, eĉ ne familianoj. Multajn jarojn poste li aŭdis pri aliaj landoj, kie la homoj devis alparoli alian homon per "kamarado" ankaŭ kiam ili estas malamikoj. Imagu, ke vi estas en interna milito aŭ alia revolucio kaj ial vi devas mortpafi "kamaradon". "Pardonu kamarado malamiko, sed mi mortpafas vin nun"! Kia stranga mondo. Nu ne, en tiu kazo la knabo preferis pensi pri la fratinoj el infanĝardeno.

Ĉu mi jam diris, ke la knabo enamiĝis la unuan fojon kiam li estis en infanĝardeno? Jes, li enamiĝis al la plej bela virino, kiun li iam ajn vidis, fratino Viktrisia. Jes, vi pravas kara, tio estas stranga nomo, sed la fratino mem elektis ĝin kiam ŝi edziniĝis kun Dio. Alia afero, kiu donis multajn pensojn al la knabo. Virino vestita en stranga vestaĵo, kiu iom odoris je kontraŭtineaj globetoj kaj vinagro, kiu diras, ke ŝi edziĝis kun Dio. Plej verŝajne tio estas la vero, ĉar ĉiuj tiuj fratinoj povis rakonti pri la infano Jesuo kiel nur familianoj kapablas. La knabo estis profunde enamiĝinta al fratino Viktrisia kaj certe estis iom reciproka afero, ĉar la knabo kaj la papo havis je la sama tago naskiĝtagon kaj, kredu min, tio ne estis bagatelo.

Alia fratino nomiĝis Vizentin. Terura persono, kiu laŭ la knabo edziniĝis kun la diablo mem. Bone li memoris la tagon kiam ŝi aperis antaŭ la klaso kaj demandis:" Ĉu iu scias, kiu havas hodiaŭ naskiĝtagon"? Kun plena entuziasmo la knabo kriis: "Mi, fratino Vizentin, mi!".

"Do,” reagis fratino Vizentin “kiu havas hodiaŭ naskiĝtagon?" "Mi, fratino Vizentin, mi!" la knabo ripetis. Fratino Vizintin pro tio koleris kaj frapegis la orelojn de la knabo, sed tiel forte, ke li dum horoj aŭdis nur sonoriletojn.

Montriĝis, kaj imagu pri la hazardo, ke papo Pio la Dekdua havis je la sama tago naskiĝtagon. La knabo nekredeble fieris pri tio kaj eĉ sentis iom de la sankteco, kiu kutime nur estas donacita al veraj sanktuloj. Kiam li vespere iris hejmen de la infanĝardeno, li tuj diris al avino kara: “Mi havas naskiĝtagon kune kun la papo!” Avino diris nenion, sed karesis la knabon sur la kapo, ĉar ŝi sciis, ke tio trankviligas lin. Tuŝo de mano ĉiam trankviligis la knabon, krom kiam la patro batis lin.

Plurajn jarojn poste, la knabo jam legis librojn, kiuj por la plimulto da homoj estus tedaj, libroj pri politiko. Li eksciis, ke tiu papo Pio donace ricevis urbeton de la faŝisto Mussolini. Oni ne akceptas donacojn de faŝistoj, la knabo jam lernis tion, kaj li ŝokiĝis, ke tiu viro, kiun li admiris, ĉar li havis la saman naskiĝtagon kiel li, es-

tis tia – li ege longe devis pensi pri la vortoj kiujn uzi, kaj li elektis: malbona persono!

Evidente, tio ne estis la sola seniluziiĝo en la vivo de la knabo. Estis momentoj kiam ŝajne lia vivo konsistis nur el seniluziiĝoj.

La fakto, ke la "fratinoj" el infanĝardeno tiel elokvente povis paroli pri la bona Dio kaŭzis ke li dum jaroj serĉis tiun Dion. Iun tagon li eĉ decidis legi tiun dikan libron kun la titolo Biblio, el kiu li komprenis nenion, krom ke tiu Dio ne estis tiel bona viro, aŭ virino, ĉar eĉ pri tio ekzistis duboj. La knabo jam estis plenkreska kaj daŭre serĉanta tiun Dion kiam li dum prediko de la pastro ekstaris kaj diris ke li, la pastro, estas mensogulo. Estis tute aparta sento, ĉar dum 2-3 sekundoj regis absoluta silento en la preĝejo. Poste la kredantoj komencis protesti kaj pastro ŝokiĝis, kvazaŭ li proponis iun maldecan al li. La knabo decidis ne plu viziti la preĝejon kaj ankaŭ ne plu aŭskultis al la mensogojn de pastroj. Tamen, la knabo ne ĉesis daŭrigi sian esploron de la vero.

Ĉu eble ekzistas aliaj dioj, pli saĝaj kaj pli humanaj ol tiu Dio de la fratinoj el infanĝardeno? Dio kiu kontraŭas militon, aŭ dio kiu luktas por havi pacon, kio estus eĉ pli bona. Li aŭdis pri alia dio al kiu submetigis sin homoj, kiuj ne plu kredis je la Dio de la "fratinoj" el infanĝardeno. Li nomiĝis Karlo kaj ankaŭ verkis dikan libron, kiu havis la titolon "La Kapitalo". Same sama afero, libro kun tiu malfacila strukturo, kiun ordinarulo kiel la knabo ne komprenis. Karlo parolis pri aferoj pri kiuj li mem havis neniun sperton. Certe ne tiel multe kiel la knabo, kiu jam laboris en fabriko inter la tiel nomataj proletoj. La knabo neniam interesiĝis pri la naskiĝtago de la sankta Karlo, ĉar li ne plu volis sperti samon kiel ĉe la Dio de fratinoj.

Li interkonatiĝis kun bonkora viro, profesoro kiu instruis pri filozofio, kaj la knabo sekvis kursojn por lerni pri la antikvaj grekoj kaj romianoj, kiuj pensis kaj kreis tezojn, kiujn oni povas pridiskuti. Neniu devigo, nur legi kaj pensi kaj resti kun multaj demandoj.

Tiam la knabo fine estis feliĉa. Li havis mil demandojn, eble eĉ pli, kaj la respondoj ne vere devigis lin, ĉar vidu, ĉiu respondo estas nur opinio de individuo kaj taŭgas precipe por kompari kun propraj pensoj kaj opinioj. Li lernis, ke eĉ la scienco estas vera nur dum la tago kiam oni malkovris ĝin, ĉar la postan tagon la sciencistoj kontraŭdiris, plifajnigas aŭ forĵetas la verojn de la tago pasinta.

Libereco gravas, pensas la knabo. Ne esti devigata nomi iun, kiu parolas la saman lingvon "samideano", ĉar tio estas ridinda afero, ne nomi nekonatan virinon "fratino" aŭ malagrablan viron "kamarado". La knabo iom bedaŭras, ke tiu bela fratino Viktrisia ne ekde komenco instruis lin, ke respekto sufiĉas kaj malakcepti kiam iu klopodas devigi vin uzi vortojn sen valoro, sen signifo.

La vivo estas bela, sed ĉu la vivo valoras? Kaj se jes, kial homoj devas morti? Neniun respondon oni trovas en la dikaj libroj de la dioj kaj aliaj Karloj. Li restas kun la demandoj kaj trovis trankvilon. La knabo daŭre pensas.
Neniu ŝanĝo dum riĉa vivo.

**Jakvo Schram (Belgio)**

## ATEO-kunveno en Seulo

La ĉi-jara publika kunsido de ATEO okazis dimanĉon la 23an de julio, sub la gvidado de Dieter Rooke. Partoprenis dudeko da homoj, duono el ili membroj de la asocio. La ĝenerala temo estis "Ateismo en Azio".




Giridhar Rao prelegas pri la situacio en Hindio/Barato
(Foto de: Laurent Vignaud)

Prelegis D-ro Giridhar Rao pri la aktuala situacio de ateismo en Hindio / Barato, kie iuj hinduaj ekstremistoj instigas al netoleremo kontraŭ alireligiuloj kaj ateistoj. Sed nuntempe ankaŭ hinduoj protestas "Ne nianome!" kontraŭ netoleremo, tiel ke ateistoj ne restas izolitaj en sia protesto.

Krome, estis tre interesaj demandoj kaj komentoj de japanaj kaj ankaŭ aliaj partoprenantoj pri la difino de ateismo, pri la statuso de religioj kaj pri ilia rolo en diversaj etapoj de la vivo. Kiel komentis poldevena partoprenantino nun loĝanta en Japanio: en Japanio ne esti ano de religio estas ordinara afero; en Pollando, esti katoliko estas ordinara afero, kaj ateismo estas protesto.

**Claude Nourmont (Francio)**

## Skeptikuloj kongresas en Pollando

La 22an-24an de septembro 2017 okazis en Vroclavo, Pollando la 17a Eŭropa Kongreso de Skeptikuloj, organizita de la Klubo de Polaj Skeptikuloj kaj la Ĉeĥa Klubo de Skeptikuloj "Sizifo". Por tiuj, kiuj alte taksas raciismon, sciencan metodon kaj kritikeman pensadon, ĝi estis okazo fari valorajn novajn interkonatiĝojn, ekkoni esplorojn kaj projektojn, pri kiuj okupiĝas skeptikulaj organizaĵoj en aliaj landoj, kaj diskuti pseŭdosciencon, paranormalajn fenomenojn, ekzorcadojn, problemojn el psiĥologio, genetike modifitaj organismoj (GMO-oj), memetikon kaj la rilaton inter scienco kaj religio.

La honora gasto de la kongreso estis James Randi, kiu dum preskaŭ duonjarcento mirigis la usonan kaj mondan publikon per sia iluziista arto. En la 70aj jaroj, li famiĝis kiel skeptikulo, akre kontraŭante homojn, kiuj pretendas esti mediumoj kun paranormalaj kapabloj. En 1996 Randi anoncis premion de unu miliono da dolaroj por homo, kiu povus pruvi kapablojn paranormalajn en kontrolataj kondiĉoj de scienca eksperimento. Verŝajne ne necesas aldoni, ke neniu gajnis la premion, kvankam multaj provis.

Krom Randi, parolis en la kongreso multaj eminentaj sciencistoj, filozofoj kaj skeptikaj aktivuloj. Susan Blackmore, aŭtoro de la libro *The Meme Machine* (La memea maŝino), surbaze de sciencaj malkovroj rilate al eksterkorpaj spertoj, alvokis, ke anstataŭ malkredindigi strangajn kaj neklarigitajn fenomenojn, oni serĉu sciencajn klarigojn por ili. Diego Fontanive parolis pri memeoj kaj pri tio, kiel ni estas regataj kaj determinitaj de ili en niaj ĉiutagaj

vivoj. Gerald Ostdiek aplikis similan filozofian koncepton, klarigante la homan (kaj bestan) inklinon al kredo, kaj sugestante, ke la sola afero, kiu povas deturni nian naturan emon akcepti informojn surbaze de fido, estas la ebleco percepti kaj analizi la procezojn de tiu fido.

La podia diskuto pri ekzorcado estis pli praktika. La kongresanoj konatiĝis kun la iluziisto kaj hipnotigisto Jakub Kroulík, senmaskigisto de ekzorcistoj. Dum demonstro de hipnotigo, por kiu li elektis du homojn el la ĉeestantaro, kiuj montris la plej grandan tendencon al memsugestio, li igis ilin kredi, ke ili timas sanktigitan akvon. Tiel li pruvis, ke ne necesas diabloj aŭ demonoj por ke homoj montru strangajn kondutojn – sufiĉas forta sugestio. Tiu demonstro, akompanita de dokumenta filmo “Batalo kontraŭ Satano” de Konrad Szołajski pri ekzorcadoj en Pollando, estis pensiga.

Inter la plej interesaj prezentoj dum la kongreso estis la prelego de fizikisto Holm Gero Hümmler. Li priskribis kiel diversspecaj ĉarlatanoj uzas terminojn el kvantuma fiziko por doni impreson de la scienceco de la esoteraj servoj kaj pseŭdomedicinaj produktoj ofertataj de ili. Ankaŭ tre interesa estis la podia diskuto pri GMO-oj, en kiu partoprenis Marcin Rotkiewicz, Tomáš Moravec kaj Mark Lynas – ĉiu el ili aliris la temon el alia perspektivo. Tiu lasta estas brita ĵurnalisto, verkisto kaj aktivulo, kiu dum multaj jaroj batalis kontraŭ GMO-oj ĝis, sed forĵetinte antaŭjuĝojn kaj enprofundiĝinte en sciencaj pruvoj, fine ŝanĝis sian opinion.

Tamen, eble la plej memorinda por mi estis Susan Gerbic, senlaca vikipediisto, kreinto kaj ĉefo de la projekto GSoW, kadre de kiu internacia teamo de skeptikuloj ĝisdatigas Vikipedion. Ili aldonas kaj pliampleksigas artikolojn pri sciencistoj, eminentaj pensistoj, senmaskigantoj de mirakloj, fondaĵoj kaj asocioj laborantaj pri raciismo kaj kritikema pensado, kaj ankaŭ, eble plej grave, redaktas artikolojn en la kampoj de esoterismo kaj parascienco en maniero, kiu aldonas la sciencan opinion rilate al tiuj fenomenoj. Estas evidente, ke por senmaskigi pseŭdosciencon, oni devas alfronti ĝin ankaŭ en Vikipedio, al kiu tiom da homoj turnas sin por informoj. Sed mi pensas, ke malmultaj homoj en la halo konsciis pri la graveco de tiu projekto ĝis ili aŭdis Susan Gerbic. Se vi ŝatus helpi, trairi trejnadon kaj aliĝi al la GSoW-teamo por redakti artikolojn en Esperanto aŭ aliaj lingvoj, sendu al ili mesaĝon per Fejsbuko.

**Kaja Bryx (Pollando)**

*Kaja Bryx estas vic-prezidanto de la Pola Asocio de Raciistoj,unu el la du vic-prezidantoj de la Eŭropa Humanisma Federacio kaj redaktoro ĉe Racjonalista TV (interreta raciisma televido – jutuba kanalo). Artikolo originale en la pola, tradukita de la redakcio.*

---

## Brazilaj esperantistaj ateistoj, unuiĝu!

Estas bone konata fakto, ke la spiritistoj estas la plej forta religia grupo ene de la brazila Esperanto-movado. Ili tiel regas la movadon, ke preskaŭ ĉiu estrarano de Brazila Esperanto-Ligo (BEL), ekde longe, estas spiritisto, malgraŭ tio, ke spiritistoj en Brazilo estas nur 2% de la tuta loĝantaro. La forta influo de tiu religio en la brazila Esperanto-movado apenaŭ povas esti precize taksata de nebrazilano.

Antaŭ kelkaj monatoj, oni eldonis la libron *A língua que veio do Céu* (La lingvo, kiu venis el la Ĉielo). Ĝi estas kompilaĵo de multaj artikoloj, ĉiuj psikografiitaj de "fidindaj" spiritistaj mediumoj, laŭ

kiuj Zamenhof kreis Esperanton unue en la spirita nivelo por poste enkarniĝi, kune kun siaj kunlaborantoj, por revelacii Esperanton al la tuta homaro. Kion ateisto pensu pri tio?

Ĉu spiritistoj estas toleremaj personoj? Pensu pri jena okazaĵo: kiam mi diris, ke mi estas ateisto en kurso de Esperanto, kiun mi gvidis en mia universitato, el 40 ĉeestantaj personoj, nur 20 restis en la sekvanta semajno. Ekde tiam ĝis la fino de la kurso, la restantaj spiritistoj foriris, kaj nur sep personoj alvenis al la fino de la kurso. Neniu el ili estis spiritisto.

Spiritistoj daŭre subtenas, en brazilaj kongresoj, kunvenojn por disvastigi spiritismon. La katolikoj kaj nun la evangeliistoj jam lernis kontraŭstari tiun regadon per similaj kunvenoj, kaj la religia milito nun estas bone enradikiĝinta en la movado. Pro tio, mi demandas, ĉu jam ne estas tempo por brazilaj esperantistaj ateistoj organizi sian propran kunvenon en la kongresoj? Sed kiom da esperantistaj ateistoj estas ĉi tie en Brazilo, kaj brazilaj ateistoj ĉi tie en ATEO? Ĉu ni estas sufiĉe multenombraj kaj fortaj por tio?

**Frederico Andries Lopes (Brazilo)**

## Polaj sekularistoj kongresas en Varsovio

La influoj de religio kaj eklezio en Pollando kreskas kaj malkreskas samtempe. Kreskas rapide la nombro da ateistoj kaj subtenantoj de liberaligo de abortigo kaj plena libereco de esprimo, sed aliflanke, danke al alianco kun la aŭtoritatisma registaro de la partio PiS (Juro kaj Justeco), plifortiĝas la politika rolo kaj ekonomia potenco de la Eklezio. Ne multe pli bone okazis dum la lastaj 28 jaroj sub la regado de aliaj politikaj grupiĝoj, inkluzive nominale maldekstrajn. Kun malmultaj esceptoj, ili subtenis la politikajn kaj proprietaĵajn postulojn de la Eklezio, ofte kontraŭ la opinio de preskaŭ 80% de la loĝantaro.

La Kongreso de Sekularismo, kiu okazis en Varsovio la 21an kaj 22an de oktobro eble estis la unua grava provo kontraŭstari ĉi tiun kontraŭdemokratian tradicion, almenaŭ fare de maldekstraj partioj.

La kongreso estis organizita de asocio konsistanta el reprezentantoj de multaj sekularismaj neregistaraj organizaĵoj. Ĝi estis inspirita de la tiel nomata "Kongreso de Virinoj", organizita jam ekde kelkaj jaroj de iuj porvirinaj NROj ligitaj al kaj subtenitaj de la iama registaro de Civitana Platformo. La kongreso estis dediĉita al diversaj temoj ligitaj kun sekularismo kaj kreis eblecon por erudiciuloj, NRO-reprezentantoj, politikistoj, kaj ankaŭ civitanoj, kiuj alte taksas la ideon de Pollando kiel sekulara ŝtato, kunveni, dividi ideojn kaj

deklari komunajn celojn.

Multaj el la prelegoj fokusiĝis je leĝaj demandoj, la konstitucio, la konkordato kaj la privilegioj de la Katolika Eklezio en Pollando, dum kelkaj fokusiĝis je praktikaj temoj kiel la eduk-sistemo aŭ etikaj demandoj, kiel kunhelpa sinmortigo, kaj rajtoj de seksaj minoritatoj. Ankaŭ okazis podia kunsido pri virinaj rajtoj.

**Kreskas rapide la nombro da ateistoj kaj subtenantoj de liberaligo de abortigo kaj plena libereco de esprimo.**

La kongreso ankaŭ inkluzivis internacian podian grupon de humanistoj el aliaj landoj, prezentantaj unuafoje en Pollando diversajn modelojn de sekulara ŝtato. Tiu ĉi sekcio estis speciala kontribuo de Pola Humanisma Asocio (PHA), kiu dum multaj jaroj instigas al alpreno de pli pripensita aliro al kreado de pola modela de sekulara ŝtato. Inter la eksterlandaj parolantoj estis Giulio Ercolessi, prezidanto de Eŭropa Humanisma Federacio (EHF), kiu parolis pri la defioj por sekularismo en Italio. La PHA planas eldoni post-konferencan libron, kiu pridiskutos diversajn modelojn de sekularismo.

Inter la parolantoj en la polaj podiaj grupoj ankaŭ troviĝis reprezentantoj de polaj asocioj, kiu apartenas al EHF. Andrzej Dominiczak, prezidanto de PHA, parolis pri libereco de pensado, parolado kaj artisma esprimado. Tio estas bazaj kondiĉo, kiun necesas plene observi, se ni deziras, ke ĉiuj aliaj sekularaj rajtoj kaj liberecoj estu respektataj. Li emfazis, ke en la lastaj jaroj, tiuj liberecoj estas subfosataj de preskaŭ ĉiuj religiaj kaj nereligiaj ideologioj, kiuj provas limigi liberecon pro siaj diversaj "sanktaj veroj".

Jacek Tabisz, la prezidanto de Pola Asocio de Raciistoj (PAR), klarigis ke necesas konstrui stabilan modelon de sekulareco, ne nur opozicie al la Katolika Eklezio (populara ideo en Pollando). Ĝi devus ankaŭ konsideri la rajtojn de ateistoj kaj aliaj minoritatoj, kaj ankaŭ la minacojn kontraŭ homaj rajtoj, kiuj povus aperi el ĉiuj religioj. Kaja Bryx, vic-prezidanto de EHF kaj de PAR prezentis humanismajn ceremoniojn kiel eventualan ilon por allogi homojn al la ideo de sekularismo.

Unu el la ĉefaj celoj de la kongreso estis gajni subtenon por sekularismo. Tial la organizantoj preparis Manifeston de Sekularismo subskribotan de reprezentantoj de diversaj politikaj partioj. Sed eĉ ne unu partio reprezentata en la pola parlamento akceptis la inviton. Tamen oni devus konsideri kiel sukceson, ke ĉiuj maldekstraj partioj konsentis kun la Manifesto kaj subskribis ĝin.

Ĝenerale, la kongreso estis rimarkinda socia kaj politika evento, kaj estas ebleco, ke ĝia agado daŭros kaj kontribuos al plua sekularigado de la pola politika sceno, ĉefe per pliproksimigo de la ĝis nun dividitaj kaj interdisputantaj maldekstraj partioj ĉirkaŭ la ideo de sekularismo. Oni planas okazigi la sekvontan kongreson post unu jaro, antaŭ gravaj lokaj elektoj.

**Andrzej Dominiczak (Pollando)**

*Andrzej Dominiczak estas prezidanto de Pola Humanisma Asocio, pola reprezentanto de la usona Center for Inquiry, kaj eldonisto de libroj pri ateismo, sekularismo kaj kritiko de religio.*

# Ateismo

## organo de ATEO
## Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro: ateismo.bulteno@gmail.com

Por informoj: Anna Löwenstein, anna.lowenstein@esperanto.org





Jarkotizo : 10 € por A-landoj. Konto: **ateo-y** ĉe UEA

8 € por B-landoj